# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
**Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)**
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj.

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj:
**Eldono A (Propagando) — Eldono B (Literaturo).**



Offizielles Organ des
**Deutschen Esperanto-Bundes E. V.**
und anderer Esperantisten-Vereinigungen.

Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben:
**Ausgabe A (Propaganda) — Ausgabe B (Literatur).**

**Abonprezo:** por jaro 2.400 Sm (Provabono por duonjaro, komenciĝanta en Januaro kaj Julio, 1.200 Sm). Ĉiu eldono aparte: 1.200 Sm (0.600 Sm). **Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.

**Bezugspreis:** für ein Jahr 4.80 M. (Probeabonnement für ein Halbjahr, beginnend im Januar und Juli, 2.40 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2.40 M. (1.20 M.). **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

**10ª Jaro No. 5 B** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Majo 1913**

# La ĉirkaŭaĵo de Stuttgart.

Se vi, karaj gesamideanoj, venos Stuttgart'on kaj demandos anon de nia urbo, ĉu Stuttgart estas bela urbo, li eble respondos al vi: „Ho jes, ĝi estas tute bela urbo“, ne akcentante la vorton „tute“; kaj se li estas iom vojaĝinta, li verŝajne aldonos: „sed ekzistas pli belaj urboj en Germanujo“. Kaj se li estas multe vojaĝinta, li diros: „Tamen mi ne konas urbon, en kiu mi loĝus pli volonte ol en Stuttgart; ĉar por loĝado ne estas necesaj famaj monumentoj kaj riĉaj kasteloj, sed florantaj ĝardenoj kaj verdaj arbaroj.“

Mi ne volas diri, ke Stuttgart ne ankaŭ havas belajn konstruajojn. Sed ili ne estas tio, kio faras al mi agrabla mian patrourbon; pro ili ĝi ne estas fama inter siaj germanaj kunuloj. Estas la ĉirkaŭajo de Stuttgart, kiu donas ĝian hejmecan karakteron al ĝi, kiu ree kaj ree allogas fremdulojn el landoj malproksimaj.

La urbo Stuttgart mem kuŝas en valo enfermita tutronde de montoj ruĝe briletantaj; ĉe la deklivoj suprenrampas vinberujoj, la supro de la montorondo estas kronita de verdaj arbaroj. Venu kun mi sur unu el la montoj — egale ĉu vi staras sur la turo de l' *Hasenberg*, aŭ ĉe la *„Schiller“-kverko*, montranta la lokon, kie nia granda poeto unuafoje legis al siaj kamaradoj la „Rabistoj“n — kaj rigardu en la valon, sur la urbon kuŝantan sub viaj piedoj, sur la urbon, kies domoj kvazaŭ provas eliĝi el la malvasta valo, suprenrampante la montojn. Rigardu la sunon malleviĝantan, kiel ĝi, eĉ malaperinta, koloras la nubojn per ĉiam novaj koloroj, venu dum nokto kaj vidu la centojn da lumoj super la urbo nevidebla: ĉiam vi estos ravata pri tiu aspekto, kiun pli bele apenaŭ prezentas alia urbo.



Aspektoturo sur *Hasenberg* apud *Stuttgart.*

Stuttgart do ne povas sin etendi laŭ ĉiuj direktoj; ĝi havas naturajn limojn en siaj montoj. Vere ili ne estas montoj sed nur montetoj, sed ĉar ni Stuttgartanoj ne havas montojn, ni nomas niajn montetojn montoj, tio ja sufiĉas; se vi venos al ni el Berlin, vi ne dubos, ke ĝi sufiĉas. Se vi rigardos super la urbon, vi vidos, ke ĝi havas preskaŭ neniun fumon; ĉiuj fabrikoj estas ekzilitaj en la antaŭurbojn, tie ili rajtas malbonodori laŭ plezuro. Nur unu fabriko kun du dikaj kamentuboj sin trudas al viaj rigardoj. Kiam

la diritaj kamentuboj fumeĝas, oni kelkafoje diras ironie: „Jen denove iras la „*Nesenbach-vaporŝipo*". *Nesenbach* estas tiu malgranda rivereto, kiu fluas tra la valo de Stuttgart, kaj pri kiu la Stuttgartanoj ne estas tre fieraj, ĉar ĝi timeme sub la domoj sin kaŝas al la okuloj kaj nazoj de l' homoj. Mi bone memoras, ke antaŭ preskaŭ dek jaroj unu el niaj instruistoj demandis nin, en kiu valo kuŝas Stuttgart. Ni ĉiuj diris: „En la valo de l' *Neckar*". „Neĝuste", li diris, „en la valo de l' *Nesenbach*". En la jaro 1905 ni aliĝis la urbon *Cannstatt apud Neckar*, kaj de tiu tempo ni povas diri, ke Stuttgart kuŝas apud *Neckar*. Sed la *Nesenbach*'on *Rosenstein* en granda parko, apartenanta al la reĝo de Württemberg; tute proksime, meze de artaj ĝardenoj sin levas fabela kastelo en maŭra stilo: la *Wilhelma*. Ĝi estis konstruata en la mezo de l' pasinta jarcento, kaj ĝi estas la plej bela konstruaĵo en maŭra stilo en tuta Germanujo, nur superata de la antikvaj kasteloj en Cordova kaj Granada.

Estas ankoraŭ aliaj vidindaj punktoj proksime de Stuttgart. Precipe dum somero estas agrabla migrado laŭlonge de l' *Neckar*, ĝis la malgranda ruinaĵo en *Hofen*.

Alia promeno, kiun volonte mi faras, kondukas tra arbaro al la *Schiller-tilio*, de kie ni



*Wilhelma*, somerpalaco en maŭra stilo, apud *Stuttgart*.

ni ne povas eksiĝi, kaj oni ĉiam incitetos nin pro tio, ke ni sidas en la valo de l' *Nesenbach*.

Se vi veturos al Stuttgart de oriente aŭ de sude, vi pretervenos la supre cititan antaŭurbon *Cannstatt*. Por iri de tie al Stuttgart, oni devas superpaŝi la *Reĝo-Karl*-ponton, de kie oni havas belan aspekton sur la *Neckar*'on iom malviĝle fluantan, kun ĝiaj multkoloraj boatoj. De tie oni venas tra longa parko, la *Anlagen*, al Stuttgart. Sed mi ja tute forgesis, ke vi veturos sur fervojo. Nu, tiuokaze vi ja ankaŭ vidos la *Anlagen*, sed unue vi devos veturi tra tunelo, ĉar kie ajn oni enveturas Stuttgarton, ĉie oni devas traveturi tunelon. Precize super tiu tunelo troviĝas la palaco havas vastan rondvidon. En la valo serpentumas arĝenta rubando, la *Neckar;* dekstre ni vidas, envolvitan en la fumo de fabrikoj, la malnovan imperian urbon *Esslingen*, antaŭ ni la monton *Württemberg*. Ni malsupreniras tra vinberejoj en la valon preter la ĉarma hederĉirkaŭita preĝejeto de *Wangen*. Transirinte la Neckar'on ni supreniras, denove tra vinberejoj, la Württemberg'on, sur kies supro pli frue staris la genta kastelo de la wirtembergaj princoj. Post kiam ĝi estis parte detruita, oni anstataŭe konstruis rotondon en greka stilo, la tombokapelon de nia reĝa familio.

Okcidente de Stuttgart, sur monteto ne tre alta, tronas la ĉasisto palaco *Solitude*, kie

*Schiller* pasis du jarojn en la „militista akademio". La Solitude estas ĉirkaŭita de du grandaj parkoj. En unu estas aproj; en la dua, kiu estas vizitebla, vivas cervoj. Ankaŭ tie estas malgranda kastelo, „urso-kasteleto", bele lokita antaŭ lago. Se vi staras sur la kupolo de la Solitude, vi vidas antaŭ vi longan rektan straton preskaŭ senfinan; ĝi kondukas 13 kilometrojn longe, tra urbetoj kaj vilaĝoj, ĝis *Ludwigsburg*. Pli frue Ludwigsburg estis ĉefurbo de Württemberg. Ĝi havas tri kastelojn, inter kiuj *Monrepos*, unu el la plej beletaj rokoko-kasteloj, kuŝanta antaŭ lago, estas precipe vidinda.

Ke la ĉirkaŭaĵo de Stuttgart estas maloftaĵo, konfesas eĉ homoj multvojaĝintaj.

Goethe skribis post sia dua restado en Stuttgart al la ĉi tie loĝinta skulptisto Dannecker: „Nun mi pasigis tagojn ĉi tie, kiajn en Rom mi travivis!" Ankaŭ rilate al konstruaĵoj kaj pejzaĝo la urbo tre bone plaĉis al li, kiel li skribis en letero al Schiller.

En sia „Priparolo de la Internacia Ekspozicio por Vojaĝo kaj Turismo en Berlin 1911" skribis la Berlinano Fedor Freund: „Oni venigu cent mondvojaĝantojn kaj demandu ilin je honoro kaj konscienco, kian rangon ili aljuĝas



*Solitute*, ĉasista palaco apud *Stuttgart*.

al Stuttgart inter la plej belaj urboj de l' mondo. Mi lasus min pendigi, se ili ne enrangigus ĝin inter la 20 plej belaj. Tiu ĉi urbo estas belaĵo dum tago kaj vespero. Se la nokto malsupreniĝas en la valon, en kiu la urbo kuŝas, jen ekflamas tutronde ĉe la montodeklivoj miloj da lumoj, kaj dum nokto stelbrila oni ne povas distingi, kie finiĝas la tero kaj komenciĝas la ĉielo. Se tiaj duboj ekfariĝas, oni ja ĉiam sin trovas en ravo plej alta. La ĉarma regiono, kiu ĉirkaŭas Stuttgarton, perlon inter grandurboj, estas hejmolando de poezio kaj ŝajnas kvazaŭ kreita por naski grandajn ideojn."

Lastan promenon ni volas nun fari, promenon tre bone konatan en literatur-historio: la migradon al *Hohenheim*, kiun Schiller tiel bele priskribis en sia poemo: *Der Spaziergang* (la promeno). Forlasinte la malvastajn stratojn de l' urbo, ni eniras arbaron, tra kiu la vojo longtempe kondukas, ĝis fine la densaj abioj foriĝas: ni staras ĉe l' bordo de valo, aliflanke sur monto kuŝas vilaĝeto, kaj malproksime, en blua nebulo, ni ekvidas la montojn de l' *Ŝvaba Alb*. Irante tra kampoj ni fine atingas *Hohenheim*, pli fruan kastelon, en kiu nun troviĝas agrikultura akademio.

*Wilhelm Christaller, Stuttgart.*

# Frankenberg en Saksujo.

La Saksa Ligo Esperanto kunvenos la 1an de Junio en la ĉarmoplena Zschopau (Ĉopaŭ)-urbo Frankenberg en Saksujo, por festi sian 9an jarkunvenon.*) Pri afablega akcepto la vizitontoj povas esti tute certaj. La festprogramo jam de longe starigita pruvos al niaj karaj gastoj, ke la ĉitiea grupo „Verda stelo" klopodis prezenti, krom horoj da grava laboro por la bono de nia ligo, ankaŭ amuzan parton, kaj tiamaniere fari kiel eble plej agrabla al ili la restadon en nia gastama urbeto. Ankaŭ la tuta loĝantaro subtenas kaj apogas niajn celadojn, ĝi ĝoje atendas la alvenon de niaj gastoj kaj kuniĝas kun ni jam hodiaŭ al plej koraj bonvensalutoj.



*Frankenberg (Saks.):* Panoramo de la urbo.



*Frankenberg (Saks.):* Foirejo kun preĝejo.

Frankenberg estas antikva urbo. Supozeble ĝi fondiĝis en komenco de l' 9a jarcento, kaj tre verŝajne ĝi estas kolonio de l' abatejo *Hersfeld* en *Hessen-Nassau*. De post la jaro 1457 Frankenberg posedas magistraton. Kelkafoje, precipe dum la 18a jarcento, atakis la urbon teruraj brulegoj, kiuj encindriĝis la malnovajn domojn kaj detruis la stratvicojn. Tiel okazis, ke Frankenberg nuntempe

*) Vidu la inviton en G. E. 5 A, p. 71.

havas junecfreŝan aspekton kaj fariĝis unu el la plej belaj urboj mezgrandaj de nia Sakslando.

Frankenberg estas vigla urbo kaj havas proksimume 14000 loĝantojn. Granda, diversspeca industrio: fabrikado de cigaroj, mebloj, teksaĵoj, ŝuoj, litoj *(Steiners Paradiesbetten)* havigas al la loĝantaro profitodonan okupon.

Kiel pluaj industrifakoj estas citindaj: maŝinkonstruado, ferfandado, diversspeca presado, fabrikado de glitbobenoj, tibiingoj, brodaĵoj ktp.

Koncize priskribinte Frankenberg'on kiel industrian urbon, ni nun ankaŭ devas diri kelkajn vortojn pri la loko de l'kunveno kiel turista urbo. Jam supre ni diris, ke Frankenberg estas unu el la plej belaj urboj mezgrandaj. Ĝi ŝuldas tion precipe al sia ĉarma situacio en la valo de l' *Zschopau*-rivero ĉe la limo de l' *Erzgebirge*. Bone prizorgitaj parkoj meze de a urbo kaj speciale ankaŭ en la *Lützel*-valo ekkonigas la klopodon de la magistrato, plibeligi la urbon laŭ ebleco.



Parto el *Lützel*-valo apud *Frankenberg (Saks.)*.



*Frankenberg (Saks.)*: Pacoparko kun venka monumento.

En la centro de la belega *pacoparko* troviĝas la vidinda venka monumento de a konata skulptisto Weinhold el Dresden, kaj sur la preĝeja placo staras atestanto el antikva epoko: mejlokolono el la jaro 1725.

Rimarkinda konstruaĵo estas la *reĝa instruista seminario*, en kies luksa salonego niaj gesamideanoj la 1an de Junio donos al si rendevuon, por tie okazigi la propagandan parton de la jarkunveno. Tie nia altestimata samideano pastro Lösche faros sian festparoladon, kiu pritraktos la interesan temon: La partopreno de Esperanto en nia granda epoko. Tie ankaŭ prezentos nia nelacigebla amiko instruisto Hahn el Schönau-Chemnitz sian esperantistan lernantaron. Tiu ĉi ĉambrego enhavas admirindan murpentraĵon kolosan, kiu vidigas similan aferon, nome la historian okazintaĵon: Imperiestro Karlo la Granda faras ekzamenon en lernejo. Krom la seminario ekzistas en Frankenberg multaj aliaj lernejoj: reallernejo kun progimnazio, burĝa lernejo, komerca, teksista, diversaj fakaj kaj metiaj lernejoj.

Malgraŭ la eksterordinare industria agemo, Frankenberg konservas sian karakteron kiel ĝardenurbo. Ĉie oni trovas promenejojn, ĝardenetojn kaj florbedojn,



*Frankenberg (Saks.)*: Reĝa instruista seminario.

ĉie la verdajo suprenrampas la domfrontojn kaj tegmentojn, eĉ modestaj domoj montras fenestrojn florornamitajn.

La proksima ĉirkaŭajo de Frankenberg same ĝojigos niajn gastojn. Prave oni nomas nian urbon la perlon de l' poeziplena Zschopau-valo.



Kastelo *Sachsenburg* apud *Frankenberg (Saks.)*.



Esperantista grupo *Frankenberg (Saks.)* antaŭ sia kunvenejo, kafejo *Schillergarten*.

Sternigita inter siaj verdaj deklivoj, ĉirkaŭata de fruktodonaj kamparoj, de malhelaj arbaroj de la grafa ***kastelo Lichtenwalde***, de la idiliaj fagoboskoj de l' *citadelo Sachsenburg*, zonata de la arĝenta rubando de l' Zschopaŭ — tiel Frankenberg prezentas sin al la ravita okulo kiel admirinda pentraĵo. Ĉiutempe oni sin bone sentas en Frankenberg; ĉu printempe, kiam la florado flugpendas sur la verdiĝantaj valoj, ĉu somere, kiam la falĉilo faras sian detruantan laboron en la flava maro, ĉu en la tagoj, kiuj ruĝe kolorigas la klematon, ĉu sub la sceptro de l' vintro, kiam la glitveturiloj rapidas en la valon de la Lützel-rivereto.



Kastelo *Lichtenwalde* apud *Frankenberg (Saks.).*

Tial, karaj gesamideanoj, venu Frankenberg'on, vizitu la 9an jarkunvenon de l' Saksa Ligo. Vi povas esti konvinkitaj, ke vi trovos koran, ĝojan akcepton.

Do, ĝis revido la 1an de Junio 1913.

*Grupo „Verda stelo“.*

## La malproksima princino.

La fame konata poeto *Hermann Sudermann* afable permesis al la Frankenberga grupo „Verda stelo“, traduki kaj prezenti sur scenejo lian ĉarmoplenan komedion: „La malproksima princino“ okaze de la naŭa kunveno de l' Saksa Ligo la 1an de Junio.

Eble estas interese por la vizitontoj, konatiĝi kun la enhavo de la teatraĵo, pro kio estu permesate, doni jenan resumon:

Letero kun ora krono alportis al sinjorino Lindemann la sciigon, ke hodiaŭ posttagmeze la princino de Geldern, kiu haltadas pro resaniĝo en la proksima ferbanejo, volas gastiĝi en ŝia restoracio. La interna maltrankvilo de la sinjorino mastrino pliiĝas per duboj kaj per iometa moko de la kelnerino Roza kaj per la alproksimiĝo de gastoj hodiaŭ nedezirindaj al ŝi: de la naturege gaja kandidato Strübel, kiu perlaboras al si la koston de l' baneja restado kiel guvernisto de malsaneta knabo, kaj kiu ĉiutage suprenvenas por trinko kaj perspektivo, kaj de nobla sinjorino kun ŝiaj du filinoj, kiuj en aristokrata akrasenteco havigis al si informon pri la planita ekskurso posttagmeza, kaj kiuj nun esperas, ke ili povos prezenti delikatan ĝentilecon okaze de „hazarda“ renkonto al la — alie neatingebla, ja apenaŭ foje videbla — fianĉino de l' suvereno. Per helpo de Strübel ili sukcesas observi per lorno la alproksimiĝon de l' kortega kaleŝo. Tamen neatendite aperas la princino, kaj al ŝia, ŝin trozorgeme protektanta korteganino s-ino Lindemann tuj devas promesi, deteni ĉiujn ĝenaĵojn, eĉ ŝlosfermi la verandon. Malgraŭ tio Strübel trovas aliron kaj subite staras kontraŭ li, kontraŭ la freŝa naturulo, la delikata princidino. Ŝia komenca korpremo rapide ĉesas, kiam Strübel simple paroleme alproksimiĝas al ŝi kaj malkaŝas al la nekonatino en naiva maniero sian korsekreton: la amon al la malproksima princino malsupre en la ferbanejo. Li volas montri al ŝi la amatinon per la lorno kaj komunikas al ŝi la sentojn de sia koro por la alta neatingeblulino en la sopiregantaj, rezigne finiĝantaj strofoj:

Dudek rozoj en orornam'
Brilas ĉe via hararo;
Dudek jaroj, plenaj de am',
Floras sur via vangparo.

Dudek jarojn fordonus mi
De mia vivo ridanta,
Se mia peto estus pri
Unu rozeto ne vanta.

Dudek rozoj, troa prefer'
Estas de l' sorto Dia;
Deknaŭ estus ja sama afer',
Kaj unu fariĝus la mia.

Dudek jarojn ĝi vekus tre
Dolĉan, esperan memoron;
Sed dudek jaroj sufiĉas ne,
Por kredi tiun rozfloron.

Nur la apero de sinjorino de Halldorf kaj de la korteganino igas lin ekkoni, ke lia malproksima princino, al kiu li ĉiutage rigardis tra

la lorno, kiun li tiel opiniis vidi ankaŭ antaŭe — staras antaŭ li. Kaj tamen, la rozon, kiun ŝi al li prezentas, li hezitas akcepti: la realeco krude detruis la bildon de lia fantazio, lia amo nur vivas en la regno de l' revoj.

*Verda Stelo.*

## Ruzaĵoj de monfalsistoj.

La lumturo de Shesterland (Ŝesterlend) sur la suda bordo de la duoninsulo Florida estas unu el la plej malbonfamaj konstruaĵoj de tiu speco. Kvankam ĝi estas starigita nur en la jaro 1902 laŭ plej modernaj higienaj postuloj kaj provizita je bonega maŝinaro, tamen la du gardistoj dejorantaj tie, eltenas maksimume duonjaron sur tiu soleca posteno, ĉar la turo estas proksime de la marĉa bordo, kiu same kiel la tuta Florida havas malbonan reputacion pro siaj febraj haladzoj.

En printempo 1906 la oficoj de la du gardistoj denove estis neokupitaj, ĉar la du lastaj estis mortintaj de febro unu baldaŭ post la alia.

Semajnoj pasis, antaŭ ol venis en la havenan oficejon, kiu plenumas la administradon de la lumturo de Shesterland, du novaj aspirantoj. Intertempe anoj de la pilota stacio devis fari la servon sur la lumturo. La du novaj aspirantoj je la postenoj danĝeregaj kaj nur modeste salajritaj, legitimis sin per atestoj kiel lertaj meĥanikistoj, kaj post mallonga prova servo oni definitive enoficiĝis ilin. La havenestraro ŝajne faris kun ili bonan elekton; ĉar ili plenumis sian servon plej akurate kaj ŝajnis esti imunaj kontraŭ la influoj de la mortiga klimato.

Ni devas ankoraŭ diri, ke la provizado de la turgardistoj je nutraĵoj okazis de Miami per militŝipa boato, kiu regule en la unuaj tagoj de ĉiu monato traveturis la multmejlan vojon kaj reveturis tuj post la elŝipigo de sia ŝarĝo.

Tiel pasis preskaŭ du jaroj.

La du gardistoj tute ne deziris anstataŭantojn je la miro de la havendirektoro de Miami, kiu jam estis kutimiĝinta al ĉiuspecaj malagrablaĵoj flanke de la Shesterland-oficistoj.

En la unuaj tagoj de l' Januaro 1908a aperas ĉe la direktoro glate razita sinjoro, kiu sin prezentas kiel detektivo el New-York kaj klarigas al la surprizita direktoro, kiajn ruzegajn friponojn nun enhavas la lumturo de Shesterland.

De unu jaro grandamase rondiris en Norda Ameriko precizeĝe falsitaj moneroj kaj bankbiletoj, kaj ĝis nun oni eĉ ne sukcesis malkovri la devenon de la falsaĵoj. La polico laboris per ĉiuj fortoj, sed vane.

La falsitaĵoj estis tiel perfektaj, ke la falsistoj sendube disponis pri teknike bonega ilaro, ĉar alie ili ne povus fabriki tiel similajn falsaĵojn. Fine la dirita New-York'a detektivo sukcesis sekvi ĝis Miami la postesignon de sinjoro nomita Burkins, kiu kaŭzis suspekton per la eldonado de falsitaj dolaroj, sed kiun oni tamen ne tuj arestis.

Tiu sinjoro ekloĝis en Miami en la plej luksa hotelo kaj ŝajne pasiĝis la tempon en plej agrabla maniero per ĉasado de marbirdoj. En sia malgranda luprenita kutro (unumasta rapida velboato), kiun li ĉiam persone direktis, li kelkafoje du aŭ tri tagojn forrestis kaj poste revenis kun ĉasaĵo konsistanta el malmultaj mevoj, ardeoj kaj sovaĝaj anasoj.

Sed la detektivo ne lasis sin trompi per tiu ĉi laŭ ŝajno tute ne malbonintenca vivmaniero de la laŭdira inĝeniero Thomas Burkins, tiom malpli, ke li baldaŭ per singarda esplorado de la hotela servistaro eksciis, ke Burkins de ĉirkaŭ du jaroj ĉiumonate dum kelka tempo kutimis veni Miami'on, ŝajne por kontentiĝi sian pasion de ĉasado, kaj plue, ke inĝeniero, havanta tiun ĉi nomon, tute ne ekzistas en Ph., kie li laŭdire estas kompaniano de maŝinfabriko.

La detektivo klarigis al la havendirektoro tiujn ĉi faktojn kaj petis lin, meti je lia dispono unu el la motorboatoj de la havenadministracio, por ebligi al li, observi la fervoran ĉasiston ankaŭ sur la maro.

Li suspektis nome, ke Burkins faras tiujn marveturojn sen akompanantoj nur pro tio, ke li povu laŭeble neobservite viziti la laborejon de la falsistoj troviĝantan proksime de ĉi tie kaj akcepti novajn provizojn de falsaĵoj.

La direktoro kontraŭdiris al la konkludoj de la detektivo en kelkaj punktoj kaj atentiĝis lin pri tio, ke larĝa strio de la bordo ĝis la lumturo de Shesterland konsistas nur el marĉo, kaj ke ĝiaj haladzoj estas plenaj je febromiasmoj, kiuj malebligas al ĉia homa estaĵo iom longan restadon, sed la detektivo tamen insistis pri sia peto.

Kaj la proksiman matenon la motorboato jam sekvis en sufiĉa distanco la kutron de la laŭdira inĝeniero, kiu tute sensuspekte prenis sian vojon post komence suda direkto subite sudokcidenten, kie en malproksima distanco, per lorno klare videbla, montriĝis super la maro la pinto de la lumturo de Shesterland.

En la sama tago, vespere je la deka, militŝipa boato alproksimiĝis senbrue kun kovritaj lumigiloj al la elŝipiĝa ŝtuparo de la lumturo de Shesterland, per kies feraj ringoj la kutro de Burkins estis alligita kaj balanciĝis pace sur la ondoj. El la boato rapide eliris la New-York'a detektivo, la havendirektoro kaj du fortegaj pilotoj.

Post kelkaj saltoj sur malaltan ŝtonŝtuparon la viroj alvenis antaŭ la tura enirpordo, kiu feliĉe estis nur ansefermita, kaj nun singarde supreniris la spiralforman ŝtuparon de la konstruaĵo kunvinktita el feraj platoj.

La surprizado de la tri krimuloj plene sukcesis. Ili estis sidantaj en ĉambro ĉirkaŭ tablo kovrita per ĉiuspecaj paperoj, kelkaj jam envolvitaj monkolonoj, enhavantaj falsitajn dolarojn, kupraj platoj kaj paperspecimenoj por la farado de bankbiletoj.

La friponoj ne kuraĝis ian kontraŭstaron, ekvidinte la minace al ili direktitajn buŝojn de la revolveroj; oni katenis ilin kaj komencis traesplori ĉiujn ejojn de la lumturo. Oni nun trovis, kian bonege provizitan falsistan laborejon la simplaj lumturgardistoj estis instalintaj ĉi tie.

Sed plej interese estis sendube, ke la friponoj kun helpo de la maŝinaro, kiu dumnokte servis por la turnado de la turlumo, estis farintaj kompletan stampomaŝinon, el kiu elvenis la falsaj moneroj kun mirinde precize stampita reliefa bildo.

Post kiam oni estis trovinta tiun ĉi sendanĝeran kaj tiel ruzeĝe elektitan rifuĝejon de la krimuloj, oni povis kun helpo de la trovitaj paperoj aresti multajn aliajn personojn, kiuj estis prenintaj sur sin la disdonadon de la falsaĵoj. Sed la estro de la tuta entrepreno estis tiu Thomas Burkins, antaŭe gravuristo, kiu efektive uzis siajn marekskursojn por akcepti la „pretan komercaĵon" kaj provizi la kunulojn je la necesaj instrumentoj, ĥemiaĵoj kaj metaloj.

Kian amplekson la „negoco" havis, pruvas la fakto, ke la bankoj iom post iom ricevis el la rondirantaj falsaĵoj ne malpli ol 23538 falsitajn dolarojn kaj bankbiletojn valorantajn 52000 dolarojn.

*El germana lingvo tradukis P. William.*

## Letero el la Svisaj Alpoj.

Estimata redakcio! Ĉu viaj legantoj ŝatus legi ion pri la Svisaj Alpoj, pri la beleco de tiu ĉi naturo, en kiun la sorto metis mian malgrandan familion? Kiel multaj aliaj, pro malsano mi estis devigata transloĝiĝi ĉi tien, Davos'on, kaj nun mi ne nur sentas resaniĝon, sed pli ol tion: kiom da nova beleco eniras la vivon! Unu el la plej belaj aferoj Davosaj estas la vintra sporto. Jam dum Novembro la tuta valo kovriĝas je densa neĝo. Tiam dum longaj tagoj kaj semajnoj la suno brilas varme sur la neĝaj kampoj, ne degeligante ilin; kaj centoj da sportistoj kaj sportamantoj glitadas sur la montodeklivoj, saltas, ekzercas kurbojn subitajn kaj elegantajn, aŭ en longaj marŝoj atingas montosuprojn, de kiuj ili denove rapide deglitadas en kurbaj linioj. La skikurado, la plej bela sporto de la mondo, preskaŭ ĉiun, kiu unufoje ĝin provis, kaptas por ĉiam. Sed por vere ĝui ĝin, oni bezonas la Alpan klimaton, la abundecon de neĝo, la noktan froston, la tagan varmecon kaj lumon, la klarecon kaj senventecon de la aero, la longajn montodeklivojn, la vastajn kampojn super la arbaroj, kie ne domoj, nek arboj, nek aliaj malhelpaĵoj interrompas la neĝan dezerton. La veran Davosan klimaton, en kiu de Novembro ĝis Marto ĉiuj stratoj de l'kuracloko estas daŭre neĝkovritaj, tiel ke nur glitveturiloj estas uzataj, kaj kie ankaŭ de Marto ĝis Majo la neĝa kovraĵo nur malrapide, heziteme foriĝas.

Vere, ni havas longan vintron, sed kiu kredos, ke ni ankaŭ kaj samtempe havas printempon? En varmaj lokoj de sudaj deklivoj, kie la suno plej forte brulas, jam en Januaro kaj Februaro partoj de l'tero neĝliberiĝas, kaj aperas herbo bruna, premita de l'neĝa pezo, kaj jam floroj modestaj malfermiĝas: ruĝa eriko printempa, flava „poligaleto", orflava tusilago, tie kaj tie izolita blua genciano ktp. En Marto ili jam estas pli oftaj, kaj pli ol dudek specoj da floroj povas esti kolektataj en tiuj varmaj lokoj, dum en la plej granda parto de l'valo kuŝas neĝo profunda. Tiel la skiveturanto, ofte en grandaj altecoj, eĉ super la arbaroj, trovas kvazaŭ insulojn de senneĝa tero, kie jam la printempaj anemonoj malfermis siajn harkovritajn floregojn. Kaj en aliaj lokoj, tuj en najbareco de neĝo, eĉ ĝin traborantan, li trovas la bluviolan Alpan sonorileton. Muskoj kaj multkoloraj likenoj ornamas dum la tuta vintro ŝtonegojn kaj rokojn, kie la neĝo degelis, kaj ilin mi kolektadis kun Zürich'a studento dum longaj skiekskursoj, por poste studi ilin en laborejo. Jen bela monato pasis; kaj hodiaŭ, la 14an de Aprilo, denove ĉio malaperis: nova neĝado kovris la tutan valon per blanka tuko. La floroj, kiuj kuraĝis aperi, jam devas morti; ekstrema heleco blindigas la okulojn, kaj la skioj ree glitadas sur la kampoj. Sed la printempaj neĝaĵoj ne estas daŭremaj; baldaŭ la suno ilin detruos kaj pli kaj pli energie la bruna tero forŝutos la blankan pezon. Miloj da floroj baldaŭ aperos: blankaj kaj bluaj krokusoj, flavaj primeloj kaj multaj aliaj. Kaj en Majo, kiam en Germanujo kaj en la pli malaltaj valoj de Svisujo la foliarboj ree verdiĝis, tiam ankaŭ la Davosaj herbejoj havos sian printempon, riĉan je suno kaj floroj, tiom pli belan post la longa vintro, kaj inter la ĉiam seriozaj pinarboj, kies mallumon la sezonoj ne ŝanĝas.

*Dr. W. Marchand, Davos.*

# Por lernantoj kaj komencantoj

## Mimozo.

*Legendo de D. Mülental.*

Malproksime, en la varmega sudlando, elkreskis Mimozo. Ĝoje ĝi disvolvis siajn florfoliojn, kaj de tie konfideme elrigardis la ĉarma animo de Mimozo.

Kiam ĝin rimarkis la lazura ĉielo, ĉiuj malhelaj nubetoj foriĝis de ĝi. Kaj la suno ĝoje ekridetis kaj karesis kaj kisis per varmegaj kisoj la florfoliojn de Mimozo. Nokte la steloj gardadis pri la ripozo de Mimozo, kaj la najtingalo per mallaŭta trilado lulis ĝin.

— Kiom fieriĝi devas la tero, ke ĝi produktis tiel mirindan kreajon! — diris la suno. Milojn da jaroj mi rigardas la teron kaj ankoraŭ nenie mi vidis tiel malkaŝeman, belegan animon. Kiom da amo, boneco kaj delikateco troviĝas en ĝi!

Sur deklivo de krutajo, ĉe la maro, vivis fiŝkaptisto kun sia filino. En ŝiaj okuloj respeguliĝis la ĉielo mem, kaj ŝiaj haroj similis al la oraj sunradioj. Sed plej bona estis ŝia animo, pura kaj virga. Kaj nur la animo de l' Mimozo estis pli belega ol ĝi.

Iun serenan printempan tagon la knabino iris sur la supron de la roko. La printempa vento alportadis de la valo la violan aromon. Super ŝi traflugadis la aeron birdamasoj, ĝoje sciigante la printempon. Sed la knabino iris, nenion rimarkante. Ŝiaj okuloj estis larmoplenaj. Ŝi atingis la supron. Subite nuboj malhelaj kovris la bluan ĉielon. Ekblovis forta vento. Ondoj frakasiĝis kolere kontraŭ la roko, leviĝante pli kaj pli alten. La vento furioze ludis kun la ora hararo de la knabino. Ŝi ploregis. La malfeliĉa koro, rompita de amo, venenita de la vivo, timeme batis. Kaj ŝia animo, senkulpa, estis plena je suferoj. Kiel pafevundita birdo falis la knabino de sur la alta krutajo en la malvarmajn, verdajn ĉirkaŭprenojn de l' maro. Ĉi tie ŝi kredis trovi sinforgeson.

La blanka ŝaŭma ondaro ekkaptis kaj fortiris ŝin en la marprofundon.

Sed la animo ne trovis tie forgesiĝon.

Per gutoj diafanaj kiel diamanto ĝi supreniĝis sur la suprajon de l' maro. Rapida vento ekkaptis ĝin sur siajn flugilojn kaj forigis ĝin malproksimen en la altecon, en la lazuran ĉielon.

Longe ĝi vagadis tie, en la nubaro, ne trovante trankviliĝon, kaj remalsupreniĝis teren kun pluvo. La belega Mimozo aromis. Ĝin laciĝis la bruliĝaj karesoj de la suno. Sed la pluvo refreŝigos kaj trinkigos ĝin. Ĝi atendis la pluvon.

Ekkrakis tondro. Fajraj sagoj tratranĉis la densan, malhelan nubaron.

Venis la pluvo kaj trinkigis Mimozon.

Sed en ŝian animon falis guto, venenita per la animsuferoj de la memmortigintino.

Venenita estas la admirinda Mimozo.

La veneno malrapide disiĝas tra ĝia trunko. La animo kunpremiĝas pro suferoj. Ĉie kaj en ĉio ĝi vidas ion teruran. De plej malforta altuŝeto la akrasenta Mimozo malsaneme ektremetas kaj malkaŝas sian malsanan animon.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Vane vi penas disiĝi la kunvolviĝintajn florfoliojn de Mimozo.

Rigardu, Mimozo forvelkis en viaj manoj.

Ĝi mortas, sed ĝian animon ci ne vidos.

*El rusa lingvo trad. S. Pŝenickij.*

## La blanka virino sur Greifenstein.

*Elzasa legendo.*

En la urbeto Zabern en Elzaso foje vivis gaja vitristo. La naturo kun la belegajoj kaŭzis al li multe da plezuro; kutime li ĉiun dimanĉon matene migris al la kastelo Greifenstein.

Kuraĝigita per la kantado de l' birdetoj en la foliaro, li ankaŭ ludis siajn muzikajojn kaj ĉiufoje estis al li, kvazaŭ sur la kontraŭa detruita turo blanka virino kantetante lin akompanus.

Al majstro vitristo ĉi tiu vizio komence kaŭzis miron, sed pli kaj pli li kutimiĝis al tio!

Sed kiam la blanka virino paŝis tute proksime de la abismo, la vitristo ekkriis timeme: „Atentu do, ke vi ne falu!"

„Ho Dio", la vizio ekĝemis, „Se mi nur povus faligi min en la abismon, ĉar tiam miaj suferoj estus je l' fino".

Kaj kompateme la vitristo demandis: „Sed ĉu vi estas tiom malfeliĉa"?

„Ho, pli ankoraŭ ol vi supozas."

Kaj ŝi ekrakontis al la vitristo, ke ŝi dum sia tera vivo nur pensis al sia mono kaj nenion preterlasis, por ĝin akiri. Pro tio ŝi nun estis malfeliĉa. Sed tiu ĉi malfeliĉo ĉesos, kiam iu ŝin liberigos; ĉiun vendredon la ĉielo ŝin aliformigas en bufon.

„Tiu, kiu havas la kuraĝon," la virino daŭrigis, „kisi min kaj ekpreni la oran ŝlosilon, kiun mi havas en la buŝo, estas mia liberiganto kaj ricevos trionon de miaj riĉajoj, kiuj estas kaŝitaj en ŝtonega kaverno. La reston li devos uzi por piaj fondoj, por ke mia animo estu libera de tiuj turmentoj."

La vitristo promesis al ŝi esti ŝia liberigonto.

Sekvantan vendredon la vitristo denove migris al Greifenstein. Anstataŭ la virino, li ekvidis terurige grandan bufon, kiu havis oran ŝlosilon en sia buŝo kaj lin fikse rigardis per fajraj okuloj. La vitristo perdis ĉiun kuraĝon.

Li malsuprenkuregis la monton tiel rapidege, kiel neniam antaŭe.

Jaroj estas pasintaj de post tio. Majstro vitristo jam estas mortinta; li neniun fojon plu ludis sian amatan muzikinstrumenton. La blanka virino de post tiu okazintajo al neniu plu sin montris sur Greifenstein.

*Tradukis Charlotte Pulvers, Basel.*

## Georgo Stephenson.

Georgo Stephenson estas rajte konsiderebla kiel fondinto de la angla fervojaro. Lia patro estis malriĉa laboristo, al kiu mankis rimedoj, por zorgi pri la edukado de sia filo. Kiel knabo Georgo Stephenson akiris sian vivtenon per tio, ke li faris ĉiuspecajn malgrandajn laborojn, ĝis la mastro de lia patro konfidis al li maŝinon, kiu estis starigita ĉe la elirejo de karbominejo por elpumpi la akvon. Neniam li ricevis alian instruon ol tiun, kiun donis al li la perfektiga lernejo de najbara vilaĝo. Ĉi tie li lernis legi, skribi kaj kalkuli. Dum la tago li devis prizorgi sian maŝinon. Iom post iom li komprenis, kiamaniere la diversaj partoj de la maŝino funkciis unu per la alia, kaj li komencis elpensi plibonigojn kaj aranĝi ilin ĉe la maŝino. Li sukcesis en tio tiom bone, ke lia nomo baldaŭ estis konata en la tuta distrikto. Post kelke da tempo li povis fondi propran entreprenon. Li konstruis lokomotivon kaj faris ferajn relojn, sur kiuj ĝi povis kuri. Fervojo estis konstruata, por transporti karbojn de la minoj al la proksima marhaveno. Baldaŭ Stephenson atingis plion. Li uzis la samajn rimedojn, por konstrui fervojon por la transportado de vojaĝantoj. Estis la linio inter Stockton kaj Darlington, kiu estis malfermata en la jaro 1825. En 1830 estis finkonstruita la fama fervojo inter Liverpool kaj Manchester; ankaŭ ĝi estas plej grandparte konstruita de Stephenson. Novaj linioj sekvis en ĉiu jaro unu post la alia, tiel ke hodiaŭ Anglujo estas provizita per fervojoj al ĉiuj direktoj.

## Dialogoj.

### Pri hotelo.

Mi volas viziti Londonon.

Kiam vi intencas vojaĝi tien?

Post kelkaj semajnoj. Mi estos tie tute fremda. Mia sola celo estas negocoj. Ĉu vi povas rekomendi al mi privatan hotelon, ne tro malproksime de la centro?

Iru al la hotelo de Strong, ĝi estas trankvila, pura kaj malkara, kaj ĝi havas la n-ron 6 de la Arundelstrato, dek minutojn distance de la banko.

Koran dankon, mi sekvos vian proponon.

*

### Pri fervojo.

Mi petas bileton por dua klaso al London.

Ĉu nur ire aŭ ire kaj reen?

Mi petas ire kaj reen. Kiom ĝi kostas?

Kvin ŝilingojn kaj ses pencojn.

Ĉu la vagonaro tie malsupre estas tiu al London?

Ne, sinjoro, bonvolu iri sur la mezan kajon ĉi tie supre.

Ŝajnas al mi, ke tiu sidloko en la angulo ankoraŭ ne estas okupita, ĉu ne sinjoro?

Ne, ĝi estas libera. Mi tuj ekstaros por lasi vin preterpasi.

## Korespondo.

London, 25 Burlingtonstreet, High Road,
la 21an de Majo 19 . .

Karaj gepatroj,

Hieraŭ mi alvenis ĉi tie el Paris. Ĉar mi jam havas loĝejon, mi konigas al vi mian adreson kaj samtempe sciigas al vi, ke mi ne, kiel kutime, vojaĝis tra Calais kaj Dover, sed tra Dieppe kaj Newhaven. De Dieppe ni atingis Newhaven'on post ĉirkaŭ seshora veturo. La maro ne povis esti pli trankvila ol ĝi estis, pro tio ni havis tre agrablan transveturon sen iu marmalsano eĉ inter la sinjorinoj kaj infanoj, kiuj estis proksimume du trionoj de la kunvojaĝantoj. Je la naŭa vespere mi alvenis en London. Mi tuj veturis al sinjorino Bell, al kiu min estis rekomendinta unu el miaj amikoj en Paris. Tie mi trovis preta por mi la saman meblitan ĉambron, kiun la dirita junulo estis forlasinta nur antaŭ ne longe, kaj kiu feliĉe ankoraŭ estis ne forluita. Ĉar ĝi aspektis tre komforte, mi tuj luis ĝin. La ĉambroj en London ŝajnas esti pli karaj ol en Paris, ĉar mi ĉi tie devas pagi 15 ŝilingojn po semajno, dum mi en Paris pagis nur 40 frankojn pomonate.

Mi petas vin, kiel eble baldaŭ skribi al mi, kaj mi restas kun koraj salutoj

via vin amanta filo
Alfredo.

## Kelkaj rimarkoj pri nia lasta konkurso.

La konkurso, kies rezultaton ni publikigis en la antaŭa numero B, bone sukcesis, eĉ pli bone, ol ni kuraĝis antaŭvidi. Oni scias, ke tradukado estas multe pli facila ol originala verkado. En la laste dirita okazo la verkanto devas unue mem elpensi la ideon por la rakontotaĵo kaj due prezenti ĝin en lerta kaj bonstila formo, dum la tradukanto jam trovas la ideon en la originala verko kaj nur bezonas zorgi pri bonstila kaj laŭsenca traduko. Ni efektive miris, ke ni ricevis tiom multe da bonideaj verkoj, kiuj tre bone povus konkuri kun la produktoj de profesiaj verkistoj. Ĉar ankaŭ la stilo de la alvenintaj laboroj estis entute ne malbona, la juĝintaro havis malfacilan taskon kaj povis esti tre postulema. Sed la celo de tiuj ĉi linioj ne estas denove laŭdi la premiitajn verkojn; tio jam okazis en la antaŭa numero. Ĉi tie ni volas paroli pri la granda nombro de la aliaj laboroj kaj iom detaliĝi iliajn mankojn.

Kelkaj verkintoj opiniis, ke ili devas pritrakti Esperantan aferon en sia verko. Tio estas tute ne rekomendinda en okazo, en kiu la konkursa tasko ne nepre postulas tion. Ni esperantistoj devas nin liberigi de la ideo, ke nia lingvo ekzistas nur por si mem. Ni devas montri al la mondo — ju pli ofte, des pli bone — ke Esperanto estas taŭga por servi al la ĉiutaga vivo laŭ ĉiu rilato. Ni devas pruvi, ke nia lingvo por la praktiko posedas almenaŭ la samajn kvalitojn kiel ĉiu nacia lingvo. Pro tio ni tuj eksiĝis el la konkurso tiujn laborojn, kiuj pritraktis Esperantan temon, krom unu el ili, kiu estis premiinda pro sia bonstileco.

Alia manko estis, ke kelkaj partoprenantoj volis esprimi en sia verko tre altan ideon kaj ne estis sufiĉe kapablaj por tio. Simpla ideo bone rakontita efikas multe pli ol konfuze prezentita altŝajna ideo, kiun neniu komprenas krom la verkinto mem. Tio aparte valoras por humoraĵoj. Kiu ne posedas veran, „oran" humoron, tiu ne provu skribi humoraĵon, ĉar lia verko, anstataŭ amuzi la leganton, nur tedos lin.

Ree alia speco de „verkintoj" (sed estis nur kelkaj!) trovis ĝin bona, uzi kopiitan verkon kaj prezenti ĝin kiel propran. Oni estu singardema; tia plagiatemo estas puninda! Kiu ankoraŭ ne scias tion, tralegu la leĝon pri la rajtoj de aŭtoro. En ĉiu librejo ĝi estas havebla por maltmultaj pfenigoj. Ankaŭ la uzo de jam konata malnova ideo ne estas rekomendinda.

Kvara kategorio de la konkursaj partoprenintoj ne estis tre zorgema rilate al la elektita ideo. Oni ne pripensis, ke nia gazeto ne estas organo por trivialaĵoj.

Kvine kelkaj verkintoj opiniis, ke ni povas deĉifri hieroglifojn. Tiom da respekto oni devas havi kontraŭ la juĝontoj de konkurso, ke oni klopodu skribi kiel eble plej legeble.

Kaj fine ni menciu ankoraŭ tiujn alsendintojn, kiuj klopodis skribi multajn frazojn sen enhavo. Laŭŝajne ili volis atingi por sia laboraĵo la plej grandan permesitan amplekson, kaj ĉar tio, kion ili volis rakonti, ne sufiĉis por atingi tiun limon, ili faris vortojn kaj ree vortojn, ne dirante ion novan.

Rilate al la stilo de la konkursaj laboroj ni jam diris, ke ĝi entute kontentigis. Estis nur malmultaj verkoj, kiuj laŭ tiu rilato ne plenumis la plej modestajn postulojn. Ofte ni trovis tro germanan stilon. Tio venas el tio, ke la verkintoj ne kutimas pensi en Esperanto, se ili skribas Esperantan originalon. Ili pripensas la tutan dirotaĵon unue en sia ĝepatra lingvo kaj eble eĉ notas ĝin en tiu lingvo, por poste ĝin traduki Esperanten. Tio estas tute malĝusta. Kiu volas ion rakonti en nia lingvo, tiu devas ankaŭ pensi en ĝi. Multaj diras, ke tio ne estas ebla. Kial ne? Se ni ne povus pensi en Esperanto, ni povus forĵeti nian tutan lingvon, ĉar ĝi tiuokaze tute ne estus taŭga, kaj la granda laboro, kiun niaj pioniroj ĝis nun faris, estus tute vana. Kompreneble la Esperanta pensmaniero estas iomete influata de la naciaj lingvoj. Sed tio ne devas okazi en tia grado, ke perdiĝu la tuta internacia karaktero de Esperanto.

La konkurspartoprenantoj, kiuj sentos sin trafitaj per nia kritiko, bonvolu pardoni, ke ni tiel malkaŝe diris nian opinion pri ilia laboro. Ni ne faris tion por ofendi ilin, tiom malpli, ke ni parolis tute ĝenerale kaj ne citis certajn nomojn aŭ verkojn. Ni nur volis montri al niaj ŝatataj kunlaborantoj la erarojn, kiujn ili devos eviti en nova konkurso. Krom tio niaj rimarkoj estas konsiderindaj ankaŭ por novuloj, kiuj intencas perfektiĝi en Esperanta verkado. Ni opinias, ke nur per ekkono de siaj eraraj kaj mankoj oni povas pli kaj pli perfektiĝi. Tio valoras ne nur rilate al Esperanto, sed ankaŭ por ĉiu alia fako. Kaj — ankaŭ niaj legantoj ja havas la rajton, sciiĝi nin pri tio, kio ne plaĉas al ili en nia gezeto.

*Germ. Esp.*

## Humoraĵoj.

**La fumegemulo.** La knabeto Konrado, havante tri jarojn, vidas, ke la amiko de lia patro fumas cigaron kaj uzas artefaritan aŭdilon aŭ aŭdotubon; ĉar la sinjoro aŭdas iom malbone per la maldekstra orelo kaj tute malbone per la dekstra. Tial li tenas la aŭdotubon en la maldekstran orelon. Konrado, kiu ankoraŭ ne komprenas la malbonaŭdecon, sidas je la dekstra flanko de la vizitanto kaj rigardas lin dum longa tempo atente kaj surprizite. Fine, ekpuŝante sian patrinon, li ekkrias tre mirigite: „Ho! panjo, vidu tien! Kia fumegemulo estas tiu ĉi onklo! Li fumadas cigaron kaj pipon samtempe!"

*F. Schwarz, Greifswald.*

*

**Komplimento.** Onklo Frederiko pasigas kelkajn tagojn ĉe sia fratino, kaj li rajdigas la malgrandan Bob'on sur siaj genuoj. La infano iomete ektimas, sed la onklo lin trankviligas:

— Ne timu, karuleto.

— Hieraŭ, mi jam falis de azeno, pro tio mi hodiaŭ timas.

**Inter ĝeedzoj.** Edzino: Ĉu vi denove volas iĝi vin fotografi?

Edzo: Jes, karulino, sur la lasta fotografaĵo mi aspektas kiel malspritulo.

Edzino: Domaĝe, ĉiuj trovas, ke la simileco estas tiel perfekta sur ĝi.

•

**Patra vanteco.** Patro rigardas la lernejateston de sia filo:

— Vidu, li diras al sia edzino, via filo estas inter la lastaj de sia lerneja klaso.

Unu monaton poste la patro legas novan ateston:

— Nu, nu, nia filo jam havas pli bonan rangon.

Du monatojn pli malfrue:

— Brave, mia filo estas nun la unua.

*

## Redakciaj respondoj

### Ricevitaj manuskriptoj.

(Mallongiĝoj: O originalo, T tradukо, a — akceptita, n ne akceptita.)

No. 1023: *Denove kune, sed ne longe;* O, n. — Noj. 1025—1032: 8 originalaj verkoj premiitaj en nia lasta konkurso (vidu la antaŭan numeron). — No. 1033: a) *Edziĝnokto,* b) *La ofertletero;* T, n. — No. 1034: *Nadzi;* T, a. — No. 1035: *Letero el la Svisaj Alpoj;* O, a. — No. 1036: *Kontraŭ la dezertiĝado de l' naturo;* T, a. — No. 1037: *Homa prudento;* T, a. — No. 1038: *La peko de Linjo;* T, a.

Denove ni petas niajn estimatajn kunlaborantojn, por iom da tempo haltiĝi la alsendadon de manuskriptoj, por ke ni ne estu devigataj resendi ilin ĉiujn.

*

**Enigmosolvinto el G.** Hahaha! kara sinjoro, ni multe ridis pri via indignoplena letero, per kiu vi tute ne ofendis nin. Ni ridis pro tio, ke la ŝerco, kiun ni permesis al ni, evidente sukcesis. Jen la afero: La sinjoro, kiu sendis al ni la diritan enigmon, foje ankaŭ plendis pri enigmo, kiun li diris ne sufiĉe klara kaj komprenebla. Entute li ne estis prava, kion ni ankaŭ ĝiatempe diris en redakcia respondo. Kiam ni ricevis lian priparolatan enigmon, ni tuj vidis, ke ankaŭ ĝi ne estas sufiĉe klara. Tamen ni publikigis ĝin sen ŝanĝo. Kiel ni antaŭvidis, nur tre malmultaj lertuloj kaj preskaŭ nur samgrupanoj de S-ro Godeano trovis la ĝustan solvon de la enigmo. Por iomete moketi S-ron Godeanon kaj montri al li lian „pekon", ni aldonis al la publikiĝita solvo la malgrandan noton, pri kiu vi indignis. Do, vi vidas, ke la redaktoro en okazo de aprilŝerco ankaŭ povas fermi ambaŭ okulojn! Eble vi nun estas kontenta pri nia klarigo kaj komprenas la kaŭzon de nia ago. Kaj eble vi nun ankaŭ ridas kun ni, kaj eble ankaŭ S-ro Godeano, kies pardonon ni petas pro nia ŝerco.

## Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.**
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

**Ĉi tie ni recenzas nur verkojn duoble ricevitajn.**

* **Dr. Zamenhofs Tabelle der Formwörter** iu, io, ia, ie, ies, iel, iam, ial, iom usw, durch 634 Mustersätze in Esperanto und Deutsch erläutert von Rektor *W. Velten,* Mitglied des Lingva Komitato und Lehrerprüfungskommissar am Sächsischen Esperanto-Institut. (2. vermehrte und verbesserte Auflage, 4. bis 6. Tausend.) 58 S. 11¼×17 cm. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1. Pr: 0.50 M. = 0.250 Sm. [96

Certaj kontraŭuloj de Esperanto asertas, ke la konata tabelo de la 45 vortetoj, kiujn Dro Zamenhof laŭŝajne formis tute *a priori,* ne estas taŭga, ĉar tiuj ĉi vortoj, pro sia tro sistema reguleco, estas malfacile lerneblaj kaj uzeblaj. Mi persone devas diri la malon. Ĝuste la multe kontraŭbatalata tabelo de la „formvortoj" estas tio, kion mi plej facile lernis en Esperanto kaj senerare uzis tuj de la komenco de mia Esperanta studado. Mi estas certa, ke ankaŭ multaj aliaj samideanoj spertis la samon. Krom tio ĉiuj esperantistoj, kiuj vere profunde scias sian lingvon, certe ne malhavus la tabelon de la formvortoj, ĉar ĝi efektive estas majstroverko de lingva genio. Kaj cetere ni ankaŭ scias, ke la tabelo tute ne estas absolute arbitra, sed farita laŭ certa sistemo, kiun ni trovas ankaŭ en kelkaj naciaj lingvoj, precipe en la hungara. Tamen ni ne volas nei, ke al pli-malpli da lernantoj de Esperanto la ĝusta kompreno kaj la tuja, senerara uzado de la 45 vortetoj estas iomete malfacilaj. La kaŭzo de tio estas, ke tiuj lernantoj ne trovas sufiĉe da okazoj por ekzerci la ĝustan aplikon de la diritaj vortetoj, ĉar la ĝeneralaj lernolibroj ne enhavas kaj ankaŭ ne povas enhavi sufiĉe grandan kvanton da tiurilataj ekzemploj, kaj ĉar en la kursoj la instruistoj ne havas tempon, por tro longe halti ĉe tiu speciala afero.

Tiuj ĉi cirkonstancoj instigis S-ron Velten antaŭ kelkaj jaroj, eldoni specialan ekzercaron, kiu tre detale montras al la malfacile lernantaj komencantoj de Esperanto la precizan signifon kaj la ĝustan aplikon de la formvortoj. La unua eldono de tiu ĉi verketo, kiu aperis en modesta amplekso, trovis bonan akcepton, tiel ke ĝi sufiĉe rapide vendiĝis, kaj nova eldono fariĝis necesa. Ĉi tiu nun aperis, kaj la firmo Ader kaj Borel prezentas ĝin al la esperantistaro, kiu sendube la novan libreton same bone akceptos kiel la unuan eldonon.

La nova eldono rimarkinde sin distingas de la malnova. Unue la ekstera formo de la libreto estas pli oportuna ol antaŭe. Due la ekzercaj frazoj estas plimultigitaj je pli ol cent. Trie la frazoj estas tre

zorge korektitaj, kaj la malmultaj nebonajoj, kiuj troviĝis en la unua eldono, estas forigitaj; la frazaro de la libreto nun estas eltirajo el la plej bonaj kaj modelaj verkoj Esperantaj. Kaj fine mi devas citi tre gravan novajon de la nuna eldono: la aŭtoro aldonis al ĝi tre lerte verkitan enkondukon, en kiu li klarigas la regulojn, laŭ kiuj la diritaj vortoj estas formitaj, kaj laŭ kiuj ili estas uzataj en la lingvo. La tuta verko estas tre zorge kaj konscience farita, kaj ĝi ekkonigas, ke la aŭtoro ne nur estas sperta esperantisto, sed ankaŭ lerta instruisto. Entute la nova eldono estas vera juvelo kaj por komencantoj kaj por progresintoj, tiel ke ĝi devus esti manlibro de ĉiu esperantisto. Kvankam la libreto ja unuavice estas destinita por germanoj, ĝi tamen estas valora helpilo ankaŭ por alilingvaj samideanoj, ĉar la Esperantaj ekzercoj estas tiel klaraj, ke ĉiu povas tuj kompreni, kion ili montras.

Kiel mi jam diris, la nova eldono estas entute nepre korekta kaj modela. Nur pri unu erareto, kiun mi trovis, mi devas diri kelkajn vortojn. Koncernas la aldonon de la ĝeneraliga vorteto *ajn* ankaŭ al tiuj pronomoj ktp., kiuj per si mem jam montras ĝeneralecon, ekz. *iu ajn, ie ajn* ktp. Tiu ĉi aldono de la vorteto *ajn* estas laŭ mia opinio kontraŭfundamenta, ĉar laŭ § 30 de la Fundamento la dirita vorto estas aldonota nur al demandaj vortoj *kiu, kie* ktp. Tiu ĉi uzo ankaŭ akordiĝas kun la logiko kaj kun la kutimo de la naciaj lingvoj; pli ol ĝenerala iu afero ne povas esti. — Sed pro tiu ĉi erareto ni ne riproĉu la verkinton. Li ja ĉerpis sian materialon el la bona Esperanta literaturo, kaj ni scias, ke eĉ la plej bonaj verkistoj uzas la vorton *ajn* en la dirita maniero.

La eksterajo de la libreto respondas al la konata zorgemo de la eldoninta firmo, kaj la prezo estas, proporcie la enhavon kaj ties valoron, tre malalta.

*L. S.*

*

* **Praktika Frazaro.** Dialogoj de la ĉiutaga vivo laŭ *A. Matthias.* Tradukis kaj kunmetis *Jean Borel.* (Esperanta Biblioteko Internacia No. 9. Nova eldono, 10a milo.) 48 pĝ. $9^1/_2 \times 14$ cm. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1. Pr: 0,100 Sm. [95

Praktikaj libroj estas ĉiam ŝatataj en Esperantujo; tion denove pruvas la fakto, ke tiu ĉi ero de la konata Esperanta Biblioteko Internacia nun estas aperinta en tria eldono. La enhavo de tiu ĉi eldono estas neniel ŝanĝita kontraŭ la du unuaj, tial ne estas necese, ke mi denove proklamu la bonkvaliton de tiu ĉi verketo, kiun kunmetis unu el la plej bonaj esperantistoj. Mi firme kredas, ke ankaŭ la nova eldono baldaŭ vendiĝos, ĉar la libreto estas treege taŭga por ekzercaj kursoj. Tutkompreneble estas, ke la nova firmo laŭ ĉiu rilato sekvis ĉe tiu ĉi eldono la bonan modelon de sia antaŭulo, tiel ke la libreto ankaŭ en sia eksterajo neniel diferencas de la antaŭaj eldonoj.

*F. W.*

*

* **Pri Esperanto.** Diskutado pri kelkaj ŝanĝoj de Ido proponitaj. De *Camille Aymonier,* agregaciulo de l' Franca Universitato. Kun permeso de l' aŭtoro el franca lingvo esperantigis *René Ferter.* 68 pĝ. $16^1/_4 \times 25$ cm. — Esperantista Centra Oficejo, Paris. Pr: 0,375 Sm. [97

Ĉio, kiu jam estas dirita pri la franca originalo de tiu ĉi verko, ankaŭ plene valoras por la nun aperinta Esperanta eldono (vidu pri tio la koncernan recenzon en G. E. 1912 B, p. 182). Tial ke ni nun posedas la verkon ankaŭ en Esperanto, ĝi certe trovos ankoraŭ pli grandan disvastiĝon kaj helpos en ankoraŭ pli alta grado al niaj propagandistoj en ilia batalo kontraŭ la idistoj. — La traduko de S-ro Ferter estas entute bona, nur iom tro france pensita kaj kelkaloke iom peza. Sed ĉar la broŝuro unuavice estas destinita por jam lertaj esperantistoj, la dirita manko ne estas grava. Ĉiuokaze la ideoj, kiujn la aŭtoro esprimis en la originalo, estas plene redonitaj en la traduko, kaj tio estas la ĉefa afero. Krome la verko ja ne estas literaturajo, sed propagandilo por praktika uzado. La eksterajo de la libro estas la sama kiel tiu de la originalo.

*Eko.*

*

***La Nova Testamento** de nia Sinjoro kaj Savanto Jesuo Kristo. — Eldonita de la Brita kaj Eksterlanda Biblia Societo, London, kaj de la Nacia Biblia Societo de Skotlando, Edinburgh kaj Glasgow. Prezo por la ekzemplero kun ora rando en tola bindajo 0,750 Sm., en leda bindajo 2 Sm. [67

La jam delonge kun sopiro atendita traduko de la Nova Testamento jus aperis, kaj ni tutkore povas gratuli niajn anglajn amikojn pro tio, ke ĝi aperis en ilia lando. La tradukintoj, S-roj *pastro Rust* kaj *Wackrill,* donacis al la esperantistaro per ĝi veran trezoron. La stilo estas bonega, flua kaj simpla. Vere bele la versoj redonas la ritmon de la originalo, montrante plejeble la samajn esprimojn kaj vortsinsekvadon. Ne estas eble, citi ĉiujn preferojn, el tio fariĝus libreto. Nur unu eraron, kiu hodiaŭ troviĝas en la plimulto de ĉiuj verkoj, mi rimarkis ankaŭ en tiu ĉi libro: estas la troa uzado de la *-ita* kaj *-inta* formoj. Oni kutimas uzi tiujn ĉi formojn ankaŭ tie, kie devus stari la formo de la estanteco. Io grava ĉe libro, kio ofte ne estas sufiĉe atentata, estas ĝia eksterajo, kaj ankaŭ en tiu rilato la Nova Testamento estas modela. Ĝi havas belan, allogan bindajon kaj estas presita sur bona papero. Kaj tamen la prezo estas malalta. Entute libro, kiun la esperantistoj povas akcepti nur kun plena ĝojo.

*Kaethe Jahns (E. L. A.).*

*

***Karaktero.** Laŭ Mr. *J. M. Van Stipriaan Luïscius,* advokato en Hago. Dua, plivastigita kaj plibonigita eldono. Tradukita de *J. L. Bruijn* laŭ la 6a eldono de l' nederlanda originalo, kaj kontrolita de la Esperantista Literatura Asocio. 30 paĝoj $13^1/_2 \times 19$ cm. — Librejo „Espero", Hago. Pr: 0.250 Sm. [75

Antaŭ unu jaro ĉi tiu libro jam estis recenzata de mi; kaj pro la tromulto da eraroj gramatikaj, stilaj kaj presaj la tradukinto — laŭ konsiloj de E. L. A. — korektis sian tekston — — nun ni havas multe pli taŭgan tradukon de la nederlanda originalo. En la februara numero 1912, Eld. B de ĉi tiu gazeto oni relegu pri la enhavo mem; kaj mi nun ree rekomendas la vivofilozofan verketon al ĉiuj meditemuloj. Preseraroj estas ankoraŭ sufiĉe en la Esperanta teksto kaj kelkaj negravaj, sed eviteblaj gramatikajoj; sed dank' al la klopodoj

de E. L. A. la libro nun estas leginda, legebla kaj komprenebla laŭ gramatika vidpunkto. Ke la enhavo estas interesa, eĉ alloga, mi jam diris.

*Charlotte Pulvers (E. L. A.).*

*

**Die Esperanto-Sprache.** Kurzgefaßter Lehrgang von Ober-Postpraktikant *A. Behrendt.* 14 Seiten $16\frac{1}{4}\times20\frac{1}{2}$ cm (autographiert). — Zu beziehen durch die Geschäftsstelle der Deutschen Post- und Telegraphenbeamten-Vereinigung für Esperanto, Breslau 16, Maxstr. 22. Pr: 0.20 M. [46

Nia fervora samideano, same konata per sia propaganda agemo, kiel per siaj kapabloj en nia lingvo, kun granda lerteco kaj fakkono kunmetis ĉi tiun mallongan lernilon de Esperanto. Efektivan riproĉeblajon mi tute ne trovis. Ke la libro apogas sin tute al la german-latina gramatiko, eĉ iom pli ol tion nia lingvo necesigas, tion kaŭzas, ke ĝi estas verkita por personoj, konantaj fremdlingvojn. — Plej laŭde mi citas la ekzemplojn por elparolo de la literoj (L*l*oyd, pf*ui*) kaj la paragrafon pri vortfarado. — Kiel estas skribite ĉe la komenco, la libreto ne celas konkuron kun la pli ampleksaj lernolibroj; tamen, por sistema ripetado de nia tuta gramatiko en mallonga tempo, mi povas ĝin varme rekomendi. Tre rimarkinde estas en tiu skribmaŝine aŭtografiita libreto, ke mi povis trovi nur du klaverarojn, nome p. 11 Stru*w*estraße, kaj p. 5 milio*m*oj. Fine mi ne kredas, ke multaj ŝatas la trogermanigitan skribmanieron A*c*kusativ. Prezo malaltega. *Lr.*

*

**Propaganda piedvojaĝo al la Oka Internacia Esperantista Kongreso.** De *V. N. Devjatnin.* (L. K.). 94 pĝ. $11\frac{1}{2}\times17\frac{1}{2}$ cm. — Propaganda Ligo Parkurbo Esperanto, München, Pfandhausstraße 8. Pr: 0.750 Sm. [91

La partoprenintoj de la Oka Kongreso certe ankoraŭ memoros la du kongresanojn Devjatnin el Rusujo kaj Romano el Turkujo, kiuj piede faris la longan vojaĝon de Paris al la kongresurbo Kraków. La ĉefa celo de tiu ĉi vojaĝo estis, propagandi nian lingvon kaj montri, ke oni sole per ĝi povas trairi diversajn landojn. Ni scias, ke la entrepreno bone sukcesis, sed pri ĝiaj detaloj ni ĝis nun ne multe aŭdis. Tiun ĉi mankon forigas la priparolata libro, verkita de unu el la partoprenintoj de la vojaĝo. Ĉion, kion la piedirintoj travivis sur sia longa vojo, la aŭtoro rakontas en interesa maniero. Ni ekscias, ke ili havis pli ol unu malagrablajon, sed ni ankaŭ amuziĝas pri okazintajoj humorplenaj. La libro estas vere leginda, tiom pli, ke ĝi estas verkita en la bona kaj flua stilo, kiun ni kutimas legi de samideano Devjatnin. Tre vastan lokon, eble tro vastan, okupas la detalaj priskriboj de la aranĝoj de la Propaganda Ligo „Parkurbo Esperanto". Sed tio estas klarigebla per tio, ke la libreto estas eldonita de la dirita ligo, kaj ke S-ro Devjatnin estas ĝia nuna sekretario. Kelkaj bonaj bildoj altigas la valoron de la libro kaj pligrandigas la ĝuon ĉe la legado. *F. W.*

*

## Diversaj eldonaĵoj.

**Studo per ludo.** Kvartet-Ludo por amuzo kaj por lernigi la konversacion en Esperanto. 100 kartoj $6\frac{1}{4}\times9\frac{1}{2}$ cm. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1. Pr: 125 M (afranko 10 Pf.): eksterlanden 0.700 Sm. afrankite.

Ĉiu Esperanta verko, kiu havas la avantaĝon povi aperi en pli ol unu eldono, pruvas per tio sian valoron kaj ŝatatecon. Al tiuj verkoj apartenas ankaŭ ĉi tiu ludo, kiu unue estis eldonata de la Godesberga Esperanto-Unuiĝo kaj nun aperis denove ĉe Ader kaj Borel. Kompreneble ĝi ne devas anstataŭi lernolibron de Esperanto; kiu tion supozis ĉe tiu ĉi kvartetludo, tiu eraris. Sed bonege ĝi taŭgas por profundigi la scion de Esperanto, akiritan en kurso aŭ per meminstruo. En siaj speco kaj ludmaniero la verko similas al la sufiĉe konataj aliaj kvartetludoj diverstemaj. Per cent demandoj kaj respondoj el la ĉiutaga vivo ĝi perfektigas la ludantojn en la Esperanta konversacio, kies certa posedo estas tre grava por ĉiu esperantisto. Bonege la ludo povas plenumi sian taskon en la grupkunvenoj. Tre ofte la grupestroj ne scias, kiamaniere plej bone aranĝi la kunvenojn kaj pliperfektigi ĉe la anoj la ĉiutagan uzadon de nia lingvo. Jen taŭga rimedo por tio: Oni dividu la kunvenantaron en diversajn grupojn, konsistantajn el almenaŭ kvar personoj, kaj ludigu en ĉiu grupo po unu kvarteto. La sukceso sin baldaŭ montros: la anoj amuziĝas kaj ilia intereso kaj scio pri Esperanto kreskas. Do mi varme rekomendas ĉi tiun ludon por la dirita celo. Sed ankaŭ por ekstergrupaj kunvenoj de kelkaj amikoj de nia lingvo, por esperantista familio ktp. ĝi estas bona kaj ŝatata amuzilo kaj distrilo. — La formato de la kartoj estas oportuna, la eksterajo estas bona, la kartoj estas daŭremaj, kaj la frazoj estas klare legeblaj. *L. S.*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

**No. 13.**

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | . | | | |
| 2 | | . | | | |
| 3 | | . | | | |
| 4 | | . | | | |
| 5 | | . | | | |

En ĉiun kvadrateton de la supra figuro metu unu literon tiel, ke la horizontalaj vicoj montru:

1. vestaĵon, 2. kaŭzon, 3. parencon, 4. ŝtonspecon, 5. geometrian figuron.

La literoj de la dua vertikala vico, legataj de supre al malsupre, montros objekton, kiu hava la formon de la trovita geometria figuro. -z.

No. 14.

Ŝercenigmo.

a a a a a a c e e e e e e e e g ĝ i i j j k k k l l l l m m n n n n o o o o o o o o o p r r r s s s t t u u v v.

El la supre donitaj literoj oni formu vortojn kun la sekvantaj signifoj:

1. metalo, 2. nombro, 3. reganto, 4. prepozicio, 5. partikulo, 6. parto de jaro, 7. fluidaĵo, 8. partikulo, 9. prepozicio, 10. spico, 11. aldona pronomo, 12. adverbo en akuzativo, 13. adverbo, 14. produkto de diversaj bestoj, 15. pronomo, 16. konjunkcio.

Oni ricevos altvaloran donacon, se oni legos la unuajn literojn de la trovitaj vortoj de supre al malsupre kaj la lastajn literojn de malsupre al supre.

*Neniu.*

No. 15.

La dua manĝas la unuan, la tuton manĝas la homo en manĝaĵoj.

*H. Nickel.*

En la venonta numero de eldono B ni publikigos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de l' venonta monato al nia redaktoro, **S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremion, kiun ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. *(Valoro po premio ĝis 1 Sm.).*

## Solvoj el la antaŭa kajero.

No. 10.

| | | |
|---|---|---|
| ra | di | ko |
| di | an | to |
| ko | to | no |

No. 11.

Leporo — leono.

No. 12.

Apotekisto.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

*A) de ĉiuj numeroj:* Johannes Bauer, Godesberg; Walter Bergmann, Parchim; F-ino Käthe Bock, Neukölln; Albert Brändel, Dresden; Willy Bratfisch, Dresden; Max Butin, Godesberg; Willi Christaller, stud. ing., Stuttgart; W. Daum, cand. phil., Gommersheim; V. Didrihson, Odessa; F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; Alfred Eckelt, phil., Prag III; F-ino Luise Fuhrmann, instruistino, Neukölln; Emmerich Guttmann, Wien; G. Habellok, reĝa fervojestro, Breslau; Philipp Heim, Ludwigshafen (Rhein); Hans von Hoof, Koblenz-Noselweiß; A. Kirchhübel, Neusalza-Spremberg: Arthur Kleiner, Berlin; Emil Kolocbziej, Straßburg (Els.); G. Kreutzberger, Gotha; Otto Lanzenberger, Borgsdorf b. Birkenwerder; F. Lebatteux, Le Mans (Francujo); Max Leopold, Berlin-Oberschöneweide; Edvardo Lonkopolanski, Varsovio; Jos. Maier, reĝa realinstruisto, Neumarkt (Oberpfalz); Theodor Oster, Godesberg; W. Schuhmacher, ĉefinstruisto, Wössingen (Amt Bretten); Herm. Schulz, Sebnitz (Saksujo); J. Sychrawa, direktoro, Wien; Johann Tuchl, Ullrichsthal (Bohemujo); Wilhelm Unger, gimnaziano, Plauen i. V.; Otto Wirth, kampara leterportisto, Hochdahl; L. Zöchmann, Wien.

*B) de du numeroj:* Max Arnold, Dresden; S-ino M. Bastoul, Dijon (Francujo); Don Mansueto Biscaglia, Mezocorona (Tirolo); Richard Brüggemann, Berlin; K. Czaster, reĝa staciestro, Görlitz; F-ino Maria Dreesbach, Godesberg; Ewald Franke, instruisto, Hamm (Westf.); F-ino Erne Clander, Hamburg; S-ino Else Große, juĝejkonsilista edzino, Wolkenstein; H. Haenen, Boxtel (Nederlando); C. Handrich, Hellerau-Dresden; Paul Heidrich, Plauen i. V.; F-ino Anna Hink, Kl. Fredenbeck b. Stade; F-ino Elisabeth Höppner, Dersenow b. Brahlsdorf; A. Ivanickij, S. Peterburgo (Rusujo); F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; Walter Lippmann, Leipzig; Johann Lux, Altenessen; Johs. May, Saarbrücken 3; E. Momber, Honnef (Rhein); H. Müller, Dresden; Friedrich Nathan, instruisto, Münster (Westf.); A. Neitzel, Hannover; F-ino Hildegard Nickel, Potsdam; S-ino Elisabeth Petersen, Frankfurt (Oder); E. Pförtner, Nordhausen; W. Reichert, sup. fervoja sekretario, Posen; F-ino Hertha Salzbrenner, Seelingstädt b. Werdau (Saksujo); F-ino Margarete Schäfer, Dresden; Jakob Schenkel, desegnisto, Friedrichsthal a. Saar; Wilh. Schimmel, kant. em., Dresden; Hermann Schlesier, rotestro, Deuben-Dresden; Dr. phil. J. Schmidt, Essen (Ruhr); Paul Schmidt, Dresden; E. Schrape, imp. limdepagrevizoro, Tilsit; O. Schroeter, reĝa registara kaj konstrua konsilisto, Liegnitz; Joh. Schwaiger, Königsberg (Pr.); Emil Seibt, Seifhennersdorf; E. M. Seifert, supera poŝtekspedisto, Dresden; F-ino F. Simmank, Meißen; W. Sponheimer, Saarbrücken 1; Franz Strache, Schönborn apud Bodenbach (Bohemujo); Paul Straube, Offenbach (Main); F-ino M. Trötschel, Frankfurt (Oder); Jan Ziermans, Scheveningen (Nederlando); Oswald Zöphel, Dresden.

*C) de unu numero:* F-ino Elise Alwardt, Warnemünde; Johannes Landmann, magistratoficisto, Leipzig-Schleußig; Isak Muchnik, Shepetovka (Rusujo); F-ino Marie Rickmann, Warnemünde; Ernesto Ritter, stud. litt., Mariencolleg Lochau; Henriko Traberger, Burgschleinitz; E. Ziemann, juĝeja sekretario, Gnesen.

*

*La premioj estas gajnitaj per loto de:* S-ro Willy Bratfisch, Dresden; S-ro J. Sychrawa, Wien; S-ro L. Zöchmann, Wien.

La gajnintoj bonvolu sciigi nian eldonejon Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestr. 40, pri la libroj, de ili dezirataj.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden
Presejo de F. Emil Boden G. m. b. H., Dresden.